

# Boletín

de la Federación Española de Esperanto




# HEF relanĉas sin

**La Registaro deklaris Hispanan Esperanto Federacion Asocio kun Publika Utilo**



**N-ro 313 - NOVEMBRO - DECEMBRO - 1993**

# Boletín

BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

Aperanta de 1949



*Ĉef-redaktoro*

Antonio Marco Botella
Av. Compromiso de Caspe,
27-29, 9° C.
ES-50002 ZARAGOZA

*Redaktoroj kaj kunlaborantoj*

Salvador Gumá Clavell
Miguel Fernández Martín
Vicente Hernández Llusera
Andres Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz
Antonio Valén Fernández



**Federación Española de Esperanto**
**(Información y administración)**

**Hispana Esperanto-Federacio**
**(Informado kaj administrado)**

**Rodríguez San Pedro 13-3°-7**
**ES-28015 MADRID**
**Telefono + faksilo: +34-(9)1-446-80-79**

## Estraro

*Prezidanto*: Antonio Alonso Núñez
*Sekretario*: Marcos Cruz Martín
*Vicprezidanto*: José Mª Galofré Domingo
*Vicsekretario*: (provizore vaka)
*Kasisto*: José Mª Bernabeu Franco
(Konto: 14.011.966 de Caja Postal)

*Kovrilo:* La rekono de la Registaro, bazo por relanĉo de HEF.
*Noto:* Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.


## ENHAVO

## La Registaro deklaras HEF

# ASOCIO KUN PUBLIKA UTILO

Nur paŝon post paŝo, post longa laboro...

La dudek sepan de aŭgusto, nur kelkajn tagojn post la malfermo de la Universala Kongreso en Valencio, la Konsilio de Ministroj deklaris Hispanan Esperanto-Federacion Asocio kun Publika Utilo. Tiel HEF kulminis daŭran strebadon al atingo de celo longe sopirata.

Ĉi nerefutebla progreso en la registara konsidero al nia Asocio suldiĝas ne nur al la dosiero, iam prezentita ĉe la Ministerio, sed ankaŭ al la persistaj kontaktoj de Prezidanto s-ro Antonio Alonso Núñez, kaj lia aparta sukceso venigi al la Universala Kongreso en Valencio reprezentanton de la Ministerio, por ke tiu havu senperan kontakton kun la fenomeno "Esperanto".

Nun ĉiuj hispanaj esperantistoj devas senrezerve aliĝi al la nova Hispana Esperanto Federacio, kiu sendube floros danke al ĉi favoraj cirkonstancoj.

*Miguel Gutiérrez Adúriz*

El Consejo de Ministros, en su reunión del día 27 de agosto de 1993, adoptó el acuerdo de "declarar de Utilidad Pública, con los derechos que coresponde reconocer al Estado de los enumerados en el articulo 3° del Decreto 1440/1.965, de 20 de mayo, a la entidad denominada FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO, de Madrid".

Dicho acuerdo ha sido inscrito en el Registro Nacional de Asociaciones de este Ministerio, y comunicado al Registro territorial corespondiente al domicilio principal de la Asociación, con fecha de hoy, a efectos de su debida constancia.

Lo que me complace comunicar a Vd. para su conocimiento.

Madrid, 25-oktobro-1993

EL SECRETARIO GENERAL TÉCNICO,
Miguel Ángel Montañés Pardo

# MALAGA HEF-KONGRESO

## INVITO

Ĉeestu en Malago! Hispana Esperanto-Federacio kongresos en Malago la venontan someron. Laŭ respondaj konsentoj atingitaj en Valencio, la Organiza Kongresa Komitato havigos al la kongresanoj du paralelajn programojn por ke ĉiu partoprenu laŭplaĉe. Al neniu mankos ŝancoj por aliĝi jen al studkunvenoj, jen al amuzoj. Kiel sciate, Malago kaj ĝia ĉirkaŭo allogas senĉese hispanojn kaj eksterlandanojn pro siaj plaĝoj, monumentoj, grotoj...

Estraro de HEF kaj OKK opinias, ke estas necese organizi laborgrupojn kiuj pritraktu ĝisfunde la problemaron de la Movado kaj proponu tujajn kaj netujajn solvojn. Resume: starigi strategian agadplanon. La Esperanta estonto tre dependas de la rezultoj de niaj renkontiĝoj. Tial la menciitaj programoj. Do, la prezidanto de OKK alvokas ĉiujn samideanojn partopreni respondece kaj sciigi lin pri sia preteco aliĝi al iu el la kongresaj taskoj.

La kongreso okazos de la 16a ĝis la 21a de Julio 1994. La adreso de OKK estas: Asociación Andaluza de Esperanto. OKK; Apartado 864, E-29080-MALAGA. Hispanio.

Por faciligi la partoprenon en ajna agado de la kongreso oni havigos al ĉiu kongresano la eblecon loĝi en la kongresejo mem. Pliaj informoj haveblas en ĉi tiu kaj en venontaj numeroj de *Boletín* de HEF.

Venu kaj partoprenu! Via restado en Malago certe tre kontentigos vin!

*Andrés Martín González*
*Prezidanto de OKK*

**53a Hispana Kongreso**
**Organiza Komitato**

Prezidanto
*Andrés Martín González*
Sekretariino
*Angeles Salazar Blázquez*
Kasistino
*Keti Hurtado Márquez*
Loĝado, ekskursoj, amuzoj
*Julio Herrero Segura*
*Antonio González Alvarez*
Laborgrupoj
*Andrés Martín González*

# Atentu!

Se vi deziras akiri malnovajn numerojn de *BOLETIN*, nun estas la okazo. Havigu al vi ĉiun mankantajn numerojn de via kolekto nur kontraŭ ducent (200) pesetoj plus sendokosto.

# Reago al certa enketo

En "TUTMONDE" mi legas pri enketo, ĉu ni uzu sloganon "Nur E" aŭ "E kaj la angla", kaj pri tio temas tiu ĉi artikolo.

Antaŭ ĉio ja tie mankas alternativo "Nur la angla", kaj via dua alternativo devus aperi kun inversa ordo "La angla kaj E". Sed mi celas prezenti al vi resumon de mia opinio pri la interlingva afero:

Mi pensas, ke el tiaj aŭ similaj sloganoj aŭ frapfrazoj, en kiuj ni pli-malpli klare atakas aŭ montras nian malkontenton pri la superregado de difinitaj fremdaj lingvoj kaj kulturoj, kiel ankaŭ pri ties superregado politika kaj ekonomia, neniu estus konvena, ĉar neefika, kaj eventuale eĉ misefika, ĉar certe ja multaj moke dirus "Jen, Esperanto-uzantoj eke raciiĝas!. Nur, ke ili bezonos ankoraŭ plian jarcenton por definitive raciiĝi, kaj nur tiam forlasi siajn stultajn kaj ne-vivipovajn revojn!"

Tion skribinte, mi ja konscias, ke mi kvazaŭ estas ŝulda, prezenti alternativon taŭgan por la okazoj, en kiuj ni devas pli-malpli draste resumi pri niaj pensoj kaj celoj. Kompreneble, mi ja ne pretendas, ke mi tion disponas, sed povas nur prezenti al vi tion, kiun mi faras tiukaze (kvankam ja kun tre malgranda sukceso):

- Se temas pri situacio leĝera, kun junaj kaj viglaj kundiskutantoj kaj mienoj, mi simple diras ke "Ni, uzantoj kaj apogantoj de Esperanto, simple pledas, proponas kaj petas pri lingva ekologio en la internaciaj rilatoj".

- Se la kunparolantoj ne tolerus tiajn leĝerajn esprimojn, kaj volus nur pri "pli serioza parolo" (!?) mi diras "Ni, uzantoj kaj apogantoj de Esperanto, simple pledas, proponas kaj petas, pri racia plibonigo de la nuna, tute nekontentiga interlingva situacio en la mondo".

- Se temas pri kunparolantoj kun decida povo, mi preferas diri "Ni pledas, proponas kaj petas, ke Esperanto ricevu de ĉiaj institucioj, ĉiajn leĝajn kaj aliajn ŝancojn necesajn por sukceso, kaj ke poste oni lasu ke la vivo decidu mem pri la evoluo de la afero interlingva".

Mi ja bone vidas, ke tio ne estas frapfrazo, sed tro longa tezeto. Mi tamen ĝis nun ne sukcesis pri io pli bona.

Laŭ mia kompreno, avantaĝoj de tiaj tezetoj estas la jenaj:

a) Ili estas vera resumo de niaj deziroj, planoj kaj strategio, do iel adekvate kompletaj, ĉar ne tro kriplaj.

b) Nur pere de ili (aŭ similaj) ni povas havi esperon povi nin turni al gravuloj kaj institucioj, kun iom da ŝancoj esti aŭskultataj.

c) Ili estas sufiĉe klaraj por iel bildigi nian celon, kaj samtempe iom nebulaj pri konkretaĵoj, kaj tial eventuale adekvate allogaj por ke, vekinte atenton, ni estus petataj pri klarigo kaj konkretigo.

- Se ni estas bonŝancaj, ke post prezento de tiaj tezetoj, ni estas petataj pri ties malvolvo, ni do venus al tereno konvena por ni. Kaj mi nun petas vian permeson, ke mi prezentu al vi iom da tia malvolvo -ĉar aldone al tio, ke mi tre ŝatus kaj dankus pri viaj komentoj, la fakto, ke mi ion ajn prezentos skribe, min devigas al konkretigo anstataŭ al nura iom nebula enkapa havado de pensoj.

Ni, la homoj havas lingvo-bezonojn jen plej simplajn, jen iom aŭ jen tre komplikajn laŭ diversaj sinsekvaj niveloj. Kaj rimarkindas, ke ju pli kulturo disvastiĝas, ĉiam des pli granda nombro da personoj, eventuale baldaŭ eĉ ĉiuj, venas al komplika kaj riĉa lingvo-bezonaro.

Per la sekva tabeleto mi skize prezentas per konkretaj ekzemploj pri tio, kiun mi opinias la ĉefaj situacioj eblaj (kvankam ja aliaj, kaj pli komplikaj, ekzistas). (Cetere, mi elektas nur eŭropajn ekzemplojn, krome geografie tre proksimajn inter si):

| NIVELO | Lingvoj uzataj de... | | | |
| --- | --- | --- | --- | --- |
| | Anglo | Skoto | Franco | Vasko |
| Denaska, gepatra, regiona, ks. | Angla | Skota | Franca | Vaska |
| Ŝtata | Angla | Angla | Franca | Hispana |
| Interlingva, vehikla, ila, helpa, ks. | Cefe angla | Cefe angla | Cefe angla | Cefe angla |
| Aliaj (pro kulturo, fakuleco, personaj interesoj, lingvo-profesio, interŝtataj konvencioj, ks.) | Kiuj ajn lingvoj, en kiu ajn nombro | | | |

Sed ni ekzamenu nun pri la maniero veni aŭ almenaŭ klopodi pri mastrado de tiuj diversnivele bezonataj lingvoj, kaj ankaŭ pri la rezultoj fakte atingitaj, ni povas resumi jene:

Ellernado de denaska lingvo okazas tra la plej simpla kaj spontana vojo, ĉar la geinfanoj kreskas mergite en tiu lingvo, meze de la familia kaj socia vivo. Ordinare, tiaj samaj aŭ almenaŭ ankoraŭ sufiĉe favoraj kondiĉoj por spontana ellernado doniĝas rilate la ŝtatan lingvon (en tiuj oftegaj kazoj en kiuj ĝi ne koincidas kun la denaska lingvo de la infanoj, ja ofte, ekzistas pli favoraj kondiĉoj por la ŝtata, ol por la denaska).

Sed la situacio draste aliiĝas por ellernado de strikte fremdaj lingvoj, tiel por la tria nivelo (interlingva) kiel
por la kvara kaj plej alta nivelo (kultura pliriĉiĝo, ks.). Nu, kvankam ŝajne ne ekzistas kompletaj statistikoj pri la afero, ni ja ĉiuj scias, pri la enormaj kvantoj da tempo, laboro, instruado, studado, teknikaĵoj, ĉiam novaj "miraklaj" instrumetodoj, studvojaĝoj, leĝoj, regularoj, mono, ks. elspezataj, ĉefe en tiuj landoj en kiuj la angla ne estas propra lingvo. (Ni ne povas trakti tie ĉi la temon, ke tamen tia enorma elspezado estas enkalkulata en la oficialajn kontojn pri t.n. "nacia (riĉo)produktado"!).

Nu, eĉ se tioma oferado portus al plena sukceso pri siaj celoj, ja ĉiukaze temus pri giganta forprenado de rimedoj, kiuj principe estus multe pli utilaj kaj homecaj se dediĉataj al la propra lingvo, al fakuliĝo pri scienco, arto, literaturo, al konsumado de rekte valoraj varoj, helpo al la tria mondo, al kio ajn alia ol tempo-perdo kaj mon-perdo.

Kaj plu sub supozo de plena sukceso, temas tamen pri situacio, en kiu la anglalingvaj landoj ĝuas grandan relativan avantaĝon kompare al la ceteraj landoj, ĉar iliaj nacianoj povas dediĉi sian tutan monon, tempon kaj laboron al pli kompetenta fakuliĝo ks.

Tamen, kaj kvankam same mankas oficialaj rigoraj statistikoj pri rezultoj de tia konstanta oferado, ni ĉiuj bone scias, ke eĉ ne 5% de la suferintoj atingas adekvatan lingvo-nivelon pri la angla, tiel ke la tuta oferado fakte estas giganta riĉoperdado, ja ne riĉoproduktado -al kio ni aldonu, ke en tiuj landoj oni bezonas pli elspezadi pri tradukoj, perdadi tempon eble tre gravan en atendo de la traduko, ktp.

Pli bonaj sukcesoj oni atingis nur en tiuj landoj, en kiuj oni ne hezitis elspezadi eĉ multe pli, kaj oferadi pri tempo ks. kaj munti instrustrukturojn en kiu la angla ne estas nura vehikla ilo, sed kvazaŭ plia propra lingvo -ja kun rezulto, ke oni jam konstatis danĝerojn al la propra nacia lingvo kaj kulturo, kiel en Francio, Germanio, Svedio, Nederlando... (La kialo de ĉi-lasta rezulto

estas klara kaj simpla: Se ellernado de ila, vehikla lingvo, estus facila kaj simpla afero, ne tro kosta je tempo kaj mono ks., oni simple rilatus al ĝi estiel nura ilo. Sed se oni devas multon oferi al ĝi, la situacio tute aliiĝas, ĉar tiom da tempo, mono ks estas konsiderata parto de la propra vivo kaj esperoj: Se oni sukcesas, oni volas adekvatan profiton el la oferado; se oni malsukcesas, preskaŭ neniu volas tion agnoski kaj forgesi pri la tuta perdo, sed ja deziras plu teniĝi al la afero, por pruvi al si mem kaj al aliuloj ke li tamen ian profiton ricevas, ktp).

Tia situacio ja estas ne akceptinda -eĉ se pro neceso akceptata- por homoj, socioj kaj ŝtatoj kies denaska au ŝtata lingvo ne estas la angla. Sed eĉ por anglalingvanoj la situacio ne estas kontentiga: Ja estas klare, ke ili ĝuas relativan avantaĝon en la internaciaj rilatoj, debatoj, kontraktoj ks; sed ĉe la ĉiam plioftiĝantaj kaj gravaj okazoj, en kiuj estas konvena plena kompetenteco ĉe ĉiuj debatantoj, simpoziantoj, turismantoj ks. oni konstatas tre intensan kaj eĉ danĝeran mankon de "duoblaj kompetentuloj", tiel ke ankaŭ ili, eĉ se malpli intense ol alilandanoj, suferas kaj ne tiras adekvatan utilon el la rilatoj. ("Duobla kompetentulo" = Tiu, kiu plene kompetentas kaj pri la angla lingvo, kaj pri la koncerna faka afero politika, armea, ekonomia, scienca, literatura, turisma, ktp. ktp.)

Nun: Kion ni, uzantoj aŭ apogantoj de Esperanto, pripetas aŭ pripledas en tia kadro? Nu, ŝajnas al mi, ke esence temas pri jeno:

"Ni pledas/proponas/petas pri jena duŝtupa ekologia/racia /institucia oficiala plibonigo de la priskribita, nuna nekontentiga interlingva situacio en la mondo:

a) Ke ĉiuj lernantoj/studentoj, kiuj simple tion volas/volos fari, rajtu studi Esperanton en la oficialaj eduk-sistemoj kun akademie egalaj eblecoj, devoj kaj meritoj, kiel ĉe studo de kiu ajn alia fremda lingvo allasata en la respektivajn, stud-programojn.

b) Ke ĉiu homo, kiu nur tion volas/volos, rajtu uzi je la internacia vehikla nivelo la interlingvon Esperanto, kun oficiale egalaj eblecoj pri valideco de la teksto, disponado de tradukoj el kaj al la ceteraj t.n. "laborlingvoj" ks.

Rimarko.- Pri tria afero, nome, ke ĉiu homo rajtu eldoni aŭ paroli ion ajn en Esperanto, ni ja devas nenion pledi, ĉar tio jam ekzistas, kaj neniu kontraŭstaras. Kaj pri kvara afero, nome, ke Esperanto fariĝu la sola aŭ unu el la faktaj interlingvoj ni rajtus nenion pledi, ĉar tio estus sensenca, ĉar pri tio nur la vivo povus empirie decidi.

Kompreneble, al tia peto oni konstante oponas la aserton, ke tio estus peti de la institucioj, ke ili donacu al Esperanto ĝuste tion, kiun per si mem ĝi ne

kapablas aŭ meritas atingi; aŭ ke ni lasu ke la spontana vivo mem de faktoj ĉiukaze kaj spontane provizu la ideale bezonatan solvon; aŭ eble eĉ ke tiaj petoj rilatas al komunismaj kaj socialismaj pensomanieroj, sed ne al tiuj de la vivoplena, biologia merkato; aŭ, ankaŭe, kial kaj kiel ni kuraĝas nian "postulon" nomi racia plibonigo, ktp. ktp.

Nu, al tiaj demandoj la respondo ja estas facila, kvankam ja tre malofte efika (mi pensas, ke ĉar ne temas ĉe aliuloj pri racia afero, sed pri emocia kaj plena je antaŭjuĝoj). Mi tamen, provu respondi:

Nia pledo/propono/peto ja ne havas malantaŭ si la apogon de ekonomiaj, politikaj ks. spontanaj fortoj, kaj ni volonte koncedas , ke ja tial estus apenaŭ esperebIe, ke Esperanto povus per si mem kaj sola plene malvolvi siajn eventualajn potencialojn. Sed laŭlonge de la progreso-vojo de la Homaro, ne ĉio naskiĝis/naskiĝas/naskiĝos kvazaŭ spontane, sed tre ofte, multege da aferoj bezonis/bezonas/bezonos konscian, oficialan, volan, planitan komencan ekpuŝon en la vivon, por ke tie, en la vivo, ili povu provi pri siaj meritoj aŭ malmeritoj, kaj tial veni al velkado aŭ al florado. Jen nur kelkaj ekzemplaj, plej gravaj aferoj, kiuj sen tia nespontana ekpuŝo, ne estus venintaj en ekziston: La oficiala aprobo de la decimala metrika sistemo aŭ la internaciaj industri-normoj, la libervola kaj plene konscia kaj eĉ iel trudita politika muntado de Unuiĝintaj Nacioj aŭ de la Eŭropa Komunumo, ktp. ktp. preskaŭ senfine.

Pri racieco. Ni unue parolu pri tiuj homoj, kiuj volas/volos studi Esperanton:

— Eksperimentoj kaj unu jarcento de Esperanto-vivo kaj -kulturado pruvis, ke tiu lingvo estas adekvate facila kaj simpla, por ke ĉiuj homoj ĝin studantaj povu veni al adekvata mastrado de ĝi sen tio, ke ili bezonus la enormajn divers-specajn elspezojn por lingvo-lernado pli supre cititajn. T.e.: Do, jam apriore oni scias, ke laŭ pedagogia kaj instrua vidpunkto, la afero iĝus sukcesa (kaj tio estus jam granda gajno por tiu nuna 95% malsukcesanta pri la angla, ĉar ĉiuj fakte disponus interlingvon vere uzeblan de ili); laŭ elspezado, la afero iĝus pleje ekonomia; laŭ nacia, politika, socia kaj kultura vidpunkto, oni tiel kvazaŭ aĉetus nuran vehiklan ilon, kaj ne instrumenton por endanĝerigi la propran lingvon, kulturon, socion, ekonomion.

— Plia apriora scio, al kiu tuj aldoniĝos modifo aposteriora kaj kun pli granda valoro: Por homoj pli bone ol averaĝe dotitaj por lingvoj kaj/aŭ pretaj fari la enormajn divers-specajn elspezojn por mastrado aŭ nura kultura atento ks al la alilandaj kaj malfacilaj lingvoj, nenia perdo venus al ili pro Esperanto ĉar, krom tio ke tiu lingvo estus utila ankaŭ por ili, la tempo, laboro kaj elspezoj bezonataj por Esperanto estus nur eta frakcio de tio dediĉenda al la ceteraj lingvoj.

— Pri la aposteriora pli granda valoro: Pliaj eksperimentoj pruvis, ke laŭ pedagogia vidpunkto, Esperanto havas tiajn propedeŭtikajn valorojn, ke ellernado de ĝi ebligas ŝpari tempon ĉe posta studado de angla aŭ de aliaj lingvoj, tiel ke eĉ se Esperanto neniam venus en faktan socian uzon, ĝi tamen ĉiam restus utila en la lingvo-lernejoj.

— Ni devas fine paroli pri homoj, kiuj nenion volus pri aŭ de Esperanto: Nu, ĉar de la petata institucia kaj oficiala apogo al tiu ĉi interlingvo ili ricevus nek utilon nek malutilon, ili principe devus resti flanke indiferentaj al la afero, do ne oponante aŭ favorante tian apogon.

Konklude: La racieco de nia pledado/proponado/petado estas absoluta. Fakte, ni laboras por la bono de la Homaro, tiel estiel unu kolektiva tuto, kiel konsistanta el unuopaj nacioj, kulturoj, lingvoj.

La disvastigantoj de Esperanto kaj iliaj asocioj plene meritas la titolon "De publika utileco".

*Antonio Alonso Núñez*

---

## JARABONOJ KAJ KOTIZOJ POR 1994

### HEF

| | |
|---|---|
| Ordinara membro (OM) | 3.000 |
| Emerita membro (EM), Juna membro (JM), Senlaborulo | 2.250 |
| Asocia membro (Asocioj de HEF) | 6.000 |
| Speciala abono por HEF-asocioj (po dek ekzempleroj de *Boletín*) | 15.000 |
| Dumviva membro (DM) | 200.000 |
| Eksterlandanoj | 50 Ngld. aŭ egala valoro. |

Uzu la kontonumeron de HEF ĉe Caja Postal n-ro 14.011.966. Oni ne pagas aldonan koston kaj eblas "transdoni" la monon en ajna oficejo de Caja Postal (la Poŝto) en urboj kaj vilaĝoj.

### U.E.A.

| | |
|---|---|
| Membro-abonanto (jarlibro + revuo) | 5.000 |
| Abono al la revuo Esperanto | 3.200 |
| Abono al Kontakto | 2.100 |
| Membro kun jarlibro (ne la revuo) | 2.000 |
| "Monato" (aere: 4.600) | 3.840 |
| "Literatura Foiro" | 3.500 |
| "Eventoj" (aere: 5.550) | 4.750 |

Peranto: s-ro Juan Azcuénaga Vierna, Gral. Dávila, 127, portal 7, 2/izq. 39007-Santander.Bankkonto en Caja Postal Ctta. n-ro 3548531.

### Heroldo de Esperanto

| | |
|---|---|
| Jarabono | xxxxxx |

Peranto: Luis Serrano Pérez, Font Nova, 32 E-08202-SABADELL.

### Sennaciulo

| | |
|---|---|
| Baza kotizo de SAT-membro | 1.500 |
| Jarabono "Sennaciulo" | 1.800 |
| Abono "Sennacieca Revuo" | 450 |

Oni atentu jenajn rimarkojn:

1. Pagante sian kotizon, SAT-membro deziranta ricevi la asocian organon "Sennaciulo", devas krome pagi ties abonon.
2. Ĉiuj membroj, escepte de la familianoj, aŭtomate ricevas la dujaran SAT-adresaron kaj la jaran kajeron "Sennacieca Revuo" sen plia abonpago.
3. Help- kaj grup-kotizantoj pagas minimume la duoblon de la baza kotizo.
4. Emeritoj senlaboruloj, gejunuloj (ĝis 25-a jaro) pagas la duonon de la baza kotizo.
5. Junaj kaj senlaboraj membroj, nur pagas la duonon de ties abontarifo.

Uzu la kontonumeron de la SAT-Peranto en Hispanio: Nicolás Gil Carballo, en Caja Postal n-ro 29.85.-039.477, sen aldonaj kostoj. La adreso de tiu ĉi kolego estas: Apartado 305, 24080-LEON.

# AGNOSKO DE ESPERANTO KIEL LITERATURA LINGVO



Pli ol 300 verkistoj el la tuta mondo reprezentantaj 69 PEN-Klubojn, kunvenis en Santiago de Compostela, de la 6a ĝis la 12a de septembro sub la moto "Tra la vojo de la literaturo". Tie oni debatis la situacion pri verkistoj de minoritataj lingvoj enkarcerigitaj kiel sekvo de lokaj militoj, pri problemoj de verkistinoj kaj pri genocidaj minacoj kontraŭ la identeco kaj kulturaj valoroj en la mondo...

S-ro Fraga Iribarne, prezidento de la galega registaro, solene malfermis la 60an PEN-kongreson per parolado defendanta la galegan kulturon kaj substrekanta "la bezonon konservi nian planedon Tero por la venontaj generacioj". Li speciale emfazis "plian fojon de Galegio, la rajton de ĉiu homo al sia pensolibero kaj al la kreo kaj uzo en plena libero de la propra parolo".

Inter la invititoj troviĝis la nobelpremiito Camilo José Cela, Jorge Amado, Nelida Piñón k.a. Estis vera surprizo la apero de la fama verkisto Salman Rushdie, la aŭtoro de "Satanaj Versoj", kondamnita vivi en bobelo, kiu promenis tra la stratoj de Santiago, trinkis Ribejro-vinon kaj ricevis la solidaran senton de la kunvenintaj verkistoj. Rushdie dankis la helpon de la galega registaro por povi veni al la kongreso. Li estis akceptata de la prezidento Fraga, kiu indikis "ke kvankam li malsamopinias kun la verkisto, tamen respektas ĉiujn fondintojn de religioj kaj defendas la rajton pri libero de sinesprimado, ktp."

La oficialaj lingvoj estis la angla kaj la franca, ĉar ili estas tiuj PEN-oficialaj, plus la galega, ĉar ĝi estas la lingvo propra al Galegio. La ĵurnaloj informis pri streĉoj ĉar oni ne faris la kastilian oficiala. Absurdus postuli ke hispanlingvaj verkistoj parolu angle aŭ france (ĉar la galegan ili ne scias, kvankam komprenas preskaŭ komplete pro la simileco de ambaŭ lingvoj); do ili devus rajti uzi sian propran lingvon aŭ la lingvon kiun ĉiu el ili libere elektus. Ĉinoj ankaŭ plendis ĉar ili ne rajtis paroli ĉine (unu el la plej grandaj kaj nekonataj lingvoj en la mondo) kaj indikis, ke literatoroj fieraj pri siaj atingoj en la propra lingvo devus eventuale balbuti alilingve antaŭ kolegoj. La delegitoj diskutis problemojn kaj riproĉojn en fermita kunveno. Unu el la plej gravaj, ke pli ol 300 verkistoj el minoritataj lingvoj estas en prizono en nur kvar monatoj...

Beletraj sesioj okazis ĉiutage en la aŭditorio de "Hostal de los Reyes Católicos". Krom la debatoj pri la influo de beletro en la socia vivo,

oni ankaŭ recitis poemojn de Alvaro Cunqueiro kaj de aliaj poetoj.

Giorgio Silfer kaj Perla Martinelli reprezente de Esperanta PEN-sekcio alvenis Santiagon kiel observantoj de tiu kongreso, en kiu ili refirmigis la rolon de Esperanto estiel "ilo de demokrateco". Ili venis kun la titolo "observantoj" kaj eliris kun la pli brila "plena membro". Pri Perla oni diris "ke ŝi estis unu el la plej lumaj ridetoj en ĉiu PEN-sesio, kies revoplenaj proponoj pri paco kaj lingva demokrateco ĉarmis ĉiujn".

La delegitoj deklaris la militon kontraŭ ajnan obstaklon, barantan la evoluon de lingvaj malplimultoj... "la lingvo estas la plej granda trezoro de la homaro".

La Asembleo de delegitoj subskribis la *Deklaro Santiago de Compostela*, kiu ofertas kvazaŭ-revan bildon pri la procezo de revivigo de la galegaj lingvo kaj kulturo. La teksto verdiktas pri: "La admiro al la solvado de la problemo pri aŭtonoma kulturo kaj pro la revivigo de la propraj lingvo kaj literaturo al kiuj Galegio alvenis"... Je la fino de tiu Deklaro oni inkludas la peton al la kulturaj galegaj aŭtoritatoj "konsideri la eblecon aranĝi kolektojn, publicaĵojn kaj tradukaĵojn por diskonigi sian modelon, kiu povus esti tiom prezinda en la nuntempa minacata mondo".

Alexandre Blokh, sekretario de PEN-Internacia, eĉ iris pluen kaj anoncis antaŭ la informad-agentoj la deziron organizi estontajn kunvenojn en Galegio, kiuj utilu por ke diverslandaj kleruloj povu studi *in situ* (sur la loko mem) la procezon de revivigo de minoritata kulturo, kia la galega, interne de la hispana ŝtato.

La fina Asembleo de la 60a Mondkongreso de PEN-Klubo akceptis kiel plenrajtan membron la Esperanto-PEN-Klubon, kiu estis fondita en 1991 en Svisio. La novaĵo kontentigis la profesiajn verkistojn konsistigantajn tiun ĉi klubon kaj ĉeestantajn la kongreson estiel observantoj. Tiuj ĉi sin difinas mem estiel membroj de unika komunumo, realaĵo sen landlimoj, tiel ke Esperanto-PEN-klubo havas analogian strukturon al tiuj jida kaj romaa (=cigana). István Nemere, romanisto pri sciencfikcio kun sufiĉe da sukceso en Hungario, alprenis la prezidantecon de Esperanto-PEN-klubo. Estiĝis ankaŭ kvin aliaj PEN-sekcioj, el kiuj elstaras tiuj de Kimrio, Urugvaĵo kaj Bosnio.

La lastan tagon profitis la prezidantino de PEN-Klubo Galegio, Ursula Heinze por priekspliko de misinterpretoj rilate akuzon pri diskriminacio de la kastilia lingvo:- "Ni nenion faris kontraŭ la kastilia lingvo -si deklaris-. Tute simple ni uzis la oficialajn lingvojn, kaj la galegan, ĉar ni troviĝas en Galegio".

Oficiala bankedo en "pazo Trasouto" metis finan punkton al tiu 60a Mondkongreso, kiu agnoskis Esperanton kiel literaturan lingvon.

*Laŭ informoj de:*
*Antonio Alonso Núñez*

# La genia Al-Mutamin Ibn Hud

En la pasinta monato septembro okazis en Zaragozo kongreso pri historio de la Scienco. Kiam mi eksciis, ke nederlanda profesoro partoprenos ĝin kaj prelegos pri la zaragoza reĝo al-Mutamin (1081-1085), mi ne volis perdi la okazon aŭskulti ion pri tiu homo, kiu same kiel lia patro, estis bona poeto kaj genia sciencisto, sed pri kiu malmulte oni scias nun, eble ĉar li regis la tajforegnon nur kvar jarojn. Mi studas ĉion pri li okaze de Antologio kiun mi elverkas en tiu ĉi momento. Do akurate mi iris al la bela palaco Aljaferia, kie efektive okazis la anoncita prelego; ho kurioza koincido! en sama palaco kie la eminenta homo loĝis antaŭ 900 jaroj.



La nederlanda profesoro pri matematiko de la Universitato de Utrecht Jan P. Hogendijk, lernis la araban lingvon nur kiel hobion, kaj li tute ne suspektis, ke manuzante scivoleme arabajn antikvajn manuskriptojn li trovu tekston, kiu certigas la senegalan talenton pri matematiko de al-Mutamin, kies genia nivelo estas eksterordinare alta.

Verŝajne, ĉirkaŭ la jaro 1200, juda erudiciulo, Ibn Agnin, verkis manuskripton resumantan grandan parton el la scio de lia epoko kaj ĝuste ĉe la unua loko de la listo aperis homo nomata al-Mutamin ibn Hud. "Se iu ajn havas ĉiujn liajn verkojn -li asertis- oni povas forgesi ĉion ceteran".

Prof. Hogendijk rakontis al ni sian strebadon por trovi en ĉiuj bibliotekoj kaj arkivoj el la tuta mondo verkojn de al-Mutamin, kiuj konfirmu la indikitajn indicojn, sed verŝajne tiuj originalaj verkoj perdiĝis kiam mongoloj invadis arabajn teritoriojn en la 13a jc. kaj bruligis centojn, eble milojn da bibliotekoj. Fine, kiel rezulto de tiu esplorado, li trovis fragmentojn el tiuj verkoj en Leiden, Kopenhago kaj Kairo, kopiitajn de anonimaj manoj.

Dum tiu esplorado, la nederlanda profesoro renkontis alĝerian studenton, Ahmed Djebbar, kiu entreprenis identan celon kaj tial ambaŭ kunlaboris en sama tasko, kies unuaj rezultoj preterpasas ĉiujn esperojn, ĉar ili iel ŝanĝas la nunajn difinojn

pri la historio de matematiko: ja kelkaj teoremoj konataj per certaj nomoj estis sendube formulitaj de la zaragoza reĝo al-Mutamin.

Kiel ni jam indikis, malmulte oni scias pri al-Mutamin, kies patro, al-Muctadir, regis la Sarakustan regnon dum 34 jaroj (la plej longa regado de ĉiuj tajfo-reĝoj de Al-Andalus). Tial li okupis la tronon sendube jam maljuna, kaj verŝajne ne por plezuro, sed pro devo, ĉar lia inklino por la scienco estis granda. Nur kvar jarojn poste li forpasis, en 1085.

Per la trovitaj fragmentoj oni konstatas, ke li estis genia matematikisto kaj, ke li konis la plej elstarajn el tiuj sciencistoj kaj iom post iom superis ĉiujn, ĉar li komprenis matematikajn principojn tute nekompreneblajn por la ceteraj. En la menciitaj fragmentoj el la verkoj trovitaj de ambaŭ esploristoj, aperas pli ol 400 teoremoj aŭ matematikaj principoj, grandparte jam konataj, kvankam al-Mutamin lerte klarigas ilin kiel eble plej simple; aliaj formulitaj originale de li mem. Unu el ili, la teoremo studata nun en niaj lernejoj per la nomo CEVA, laŭ kiu "por ke transversaj linioj deirantaj de la tri verticoj de triangulo konverĝu en unu solan punkton, oni devas nepre obei tiun formulon". Tiun principon starigis la italo Giovanni CEVA en 1678, sed oni malkovras nun, ke jam en la jaro 1078 formulis ĝin al-Mutamin.

Ahmed Djebbar estas nun ministro pri Edukado de Alĝerio, kaj li estas konvinkita, ke en Maroko oni trovos




aliajn manuskriptojn de la sarakusta reĝo. Kelkaj arabistoj jam pretigis liston kun la titoloj de la verkoj de la eminenta monarĥo. Tial oni scias, ke tiuj fragmentoj apartenas nur al kelkaj el liaj verkoj, ne al ĉiuj; cetere, ankaŭ oni scias, ke al-Mutamin laboris en la verkado de matematika enciklopedio, kiun, verŝajne, li devis forlasi nefinitan kiam li okupis la tronon de la tajfo-regno.



La eminenta nederlanda studemulo Hogendijk finis sian prelegon menciante la verkon de la juda erudiciulo, Ibn Agnin, kiu tiom laŭdis la reĝon al-Mutamin. Ties kurioza titolo estas

"Traktato pri la animo", kaj la nederlandano atentigis la aŭskultantaron ne tro surpriziĝi pri la originaleco de la titolo, ĉar laŭ li "por konvena flegado de la animo oni devas studi matematikon". Sendube al-Mutamin pensis kiel nia preleganto, ĉar en tiu epoko, matematikon, astronomion kaj aliajn sciencojn oni konsideris spirita mondo de elektitoj.

Ĉu estas necese, ke mi diru al miaj karaj legantoj, ke multaj el la aŭskultantoj de tiu interesa prelego vere ĝuis agrablajn momentojn? Almenaŭ mi spertis tiun senton.

*Antonio Marco Botella*

---






Certe la 78a Universala Kongreso en Valencio ofertis al la partoprenantoj amason da programeroj pli-malpli interesaj, pri kiuj eblas legi en la esperanta gazetaro. Tamen, ni volas enfazi la simplan ceremonion, per kiu la edzinoj, iam premiitaj per la medalo *Klara Silbernik*, faris apartan omaĝon al samideanino Teresa Massana Rafols, edzino de la nunjare proklamita Honora Membro de UEA, samideano Luis María Hernández Yzal, kreinto de la Hispana Esperanto-Muzeo kaj de la antaŭe menciita premio. Ankaŭ ni, pere de ĉi linioj, volas aldoni nian plej sinceran gratulon al Teresa Massana, simpatia kaj silenta apogantino de homo, pri kiu la hispana Esperanto-movado sendube sentas sin fiera.

*La Redakcio*

*15a de decembro: esperanta librotago*

# *ofertoj*

## LIBROSERVO

Mendeblas ĉe la Libro-Servo de HEF la romano "TIRANO BANDERAS" de Ramón María del Valle-Inclán en la esperanta traduko de Fernando de Diego. Sesa numero en la serio Hispana Literaturo. Prezo: 1.300 ptojn

Ĉiu mendo ricevos **donace** librojn kun valoro egala al 10% de la reale aĉetitaj varoj.

**Ĉi oferto validas ĝis la 31a de januaro 1994**



Libroj, kiuj furoras

**IBERE LIBERE**
2.500 PTOJ

**POEMO DE UTNOA**
3.255 PTOJ

**La membroj de HEF ricevos 20% rabaton, ĉe la aĉeto de ĉi libro, laŭ interkonsento de la aŭtoro kaj la Eldonejo *Pro Esperanto*. Ĉi oferto validas ĝis la 1a de aprilo 1994.**

**ESPERANTAJ SINONIMOJ**
800 PTOJ

**Kuneldonita de UEA kaj Fundación Esperanto (HEF)**

*La libroj estas niaj monumentoj*

# FORPASIS INÉS GASTON



La 25an de septembro 1993 forpasis en Zaragozo unu el la esperantistinoj plej elstaraj en nia urbo kaj sendube ankaŭ en nia lando: Inés Gastón Burillo. Filino de la eminenta advokato fondinto de la Aragona Esperanta Societo"Frateco" Don Emilio Gastón, ŝi loĝis jam de la infanaĝo en hejmo kie oni vivis, oni palpis ĉiutage veran esperantistan etoson: vizitoj de enlandaj kaj eksterlandaj samideanoj, kutima kunsidejo, kie oni organizis esperantistajn eventojn, kaj resume, fokuso de esperantisma idealo. Inés suĉis en tiu medio la plej purajn esencojn de niaj humanismaj ideoj.

Post forpaso de la patro en 1925, ŝi havis tempon sufiĉan por pripensi kaj projekti sian propran esperantistan agadon, kaj post la nacia E-kongreso okazinta en Zaragozo en 1954, ŝi definitive enviciĝis en nia Movado.

En 1962, kiam D-ro Sancho Izquierdo fariĝis prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio, li petis ŝin kunlabori kiel sekretariinon de HEF: dum ok jaroj ŝi ne nur oficis en tiu posteno, sed ankaŭ redaktis *Boletín*, organizis la Libro-servon, fondis la Bibiotekon kaj Eldonan Fakon de HEF, pretigis HEF-Turisman Servon, kunlaboris kaj impulsis *"Fundación Esperanto"*... resume ŝi fordonis sin plene al nia Movado.

D-ro Sancho Izquierdo kaj ŝi duope entreprenis la gravan taskon organizi la 53an Universalan Kongreson de Esperanto (Madrido, 1968), kaj tuj poste ankaŭ Post-kongreson en Zaragozo.

En 1970 ŝi forlasis ĉiujn postenojn en HEF por redakti bultenon "Horizonto" de Neŭtrala Esperanto-Movado. En la Jubilea Jaro de Esperanto en 1987, Inés Gastón ricevis dum la nacia kongreso okazinta en Madrido publikan omaĝon organizita de HEF.

Ŝian enterigo-ceremonion partoprenis pli ol ducent personoj, inter kiuj geedzoj Luis Maria Hernández Izal-Teresa Massana, en reprezento de la kataluna esperantistaro.

Nian kondolencon al ŝia familio. Ŝi pace ripozu!

# nia bonkoreco ne havas limojn

Venas Kristnasko, buntas la stratoj ornamitaj per diverskoloraj lumiloj. La homoj, eble ne ĉiuj, rigardas la montrofenestrojn, kie ekspoziciiĝas apetitigaj manĝaĵoj. La surstrata promenanto aspektas feliĉa. Oni dirus, ke la tagoj estas nur dediĉataj al la feliĉo kaj al la familio. Ĉiu planas sian amuziĝon por la kristnaskaj festoj. Evidente en tiu planado troviĝas ankaŭ la religiaj devoj, kvankam ne por ĉiuj. Ĝi estas la plej intima, plej familiara periodo de la jaro, sed kiel bonaj homoj, kaj kiel personoj oni sin sentas devigataj pensi ankaŭ pri tiuj malfeliĉuloj al kiuj mankas esencaj elementoj de la nuna homa vivo: hejmo, nutraĵoj, memestimo, reciproka amo, aŭ minimume certa varmo familia...

La familianoj sidantaj apud la manĝo-tablo, sin sentas vere feliĉaj. Sed la patrino, kutime preskaŭ ĉiam estas la patrino, memorigas al ĉiu famili-membro, ke en la mondo ekzistas ankaŭ multaj malsatantaj homoj, malsanuloj sen ebla kuraco, hejmoj kie regas mizero, drogo-problemoj, malfeliĉo, eĉ malespero... Kaj la mencio de la patrino en tiu momento intima, volas esti esprimo solidara por tiuj malfeliĉuloj kiuj ne ĝuas similan komforton kaj intimecon. Kaj ĝenerale ĉiuj konsentas kun la bona patrino pri la bezono de tiu solidareco kaj oni pensas ke tiu bonfarado ne plu estas vakua esprimo por memkonsolo sed nekontestebla solidara homa devo. Tio je nivelo individua.

Dum la kristnaskaj tagoj aperas bonfaraj organizoj, kiuj lanĉas sloganojn por kolektado de mono por mildigi la suferadon de tiuj malfeliĉuloj kaj por ke al ĉiu homo ne manku en tiu kristnaska nokto la vespermanĝo. Parodiante Zamenhofon, mi ankaŭ ripetas -mia koro batas pli rapide- konstatante tiom da amo inter la homoj! Sed mi pensas, ke tiu solidara spirito ne plu estas afero por unu sola nokto, sed deviga sento kaj devo por la tuta jaro. Tamen, ni diru, ke emocias tiom da elmontroj de solidareco fare de altranguloj, grandaj firmaoj kaj aŭtoritatuloj kies koroj restas dum la tuta jaro fermitaj kaj, ho surprizo! oni konstatas ke ili kapablas ankoraŭ senti kaj pensi pri tiom da malfeliĉaj homoj kaj pretas iom fari en tiu senco: la homa bonkoreco ne havas limojn kiam la intencoj estas honestaj, rektaj.

## FELIĈAN JARON 1994!

La Prezidanto kaj Estraro de HEF, same kiel la Redakcio de Boletín, esprimar al ĉiuj plej sincerajn bondezirojn por la nova jaro.

Sukceson en viaj poresperanta agado,
kaj feliĉan jaron 1994!

Mi ankaŭ ne volas forgesi tiujn mirindajn horojn, kiam oni celebras la nomatan "Festo de la Tri Reĝoj", kiam multaj infanoj travivas iluziajn momentojn. Kiom da fervoro ĉe tiom da bonfaraj asocioj kolektantaj ludilojn por tiuj infanoj kiuj nenion havas. Provizi je ludiloj la senhelpajn infanojn estas iom pli ol bonfara agado kaj denove mi devas ripeti "ke mia koro batas pli rapide"...

Kiam oni travivas tiom da kruelaj eventoj, tiom da humanaj dramoj, estas konsole ĉiam konstati, ke en tiu ĉi jaro kaj ankaŭ en la venontaj, la miraklo de teneraj koroj helpantaj plian fojon al niaj malfeliĉaj najbaroj ripetiĝos dum la kristnaskaj tagoj. La homa bonkoreco ne havas limon. Ke minimuma solidareca sento ne manku en nia socio!

*Luis Serrano Pérez*

---

# Problemoj rilate la esperantigon de La Coruña

**Nekonsekvenca asimilado**

Mi daŭrigos pritrakton de la temo en mia artikolo "Kelkaj gvidlinioj por esperantigi hispanlingvajn loknomojn (KAE-Informilo, vintro 1990, n-ro 14. pĝ. 7-8). Ju pli oni komparas la asimiladon de toponimoj en Esperantaj vortaroj kaj aliaj publikigaĵoj, des pli estas evidente, ke ankoraŭ ne eblas starigi fiksajn regulojn universale aplikeblajn. Prezentas specialajn problemojn tiuj loknomoj, kiuj en la etnolingva formo havas la difinan artikolon. Tia nomo estas La Coruña, urbo ĉe la nordokcidenta marbordo de Hispanio. Trakribrado de la literaturo donas la sekvajn variaĵojn.

**Manko de registrado**

La koncerna toponimo mankas en *Plena Ilustrita Vortaro (PIV, 1970)* kaj ties *Suplemento* (1987), malgraŭ tio, ke ĝi estas la plej ampleksa leksikografia konsultlibro nun ekzistanta en Esperanto. Ankaŭ Lorenc' Mi (= Lawrence Mee)preteratentas ĝin en sia *Toponimia Terminaro* (1992).

**Registrado sen asimilado**

En *Poŝtatlaso de la Mondo* (1971) estas uzata *La Coruña* en la etnolingva formo sen asimilado.

**Esperantigo sen la difina artikolo**

En tre frua leksikografia verko, la angla-Esperanta vortaro de Joseph Rhodes (1908), estas registrita *Korunjo* sen la difina artikolo, eble pro influo de la angla nomo *Corunna*, same uzata sen la artikolo. En sia traduko de la romano *Sango kaj sablo* de Vicente Blasco Ibáñez,

Ramón de Salas Bonal ne nur ellasas la difinan artikolon en *Koruno*, sed ne transskribas la palatalan fonemon *ñ*.

**Asimilado kune kun la difina artikolo**

En KAE-Informilo (vintro 1993, pĝ. 8) troviĝas jena klarigo pri tiu ĉi toponimo: "(...) la urbo *La Coruña*" ricevas la prononceblan grafismon *Lakorunjo*. Moritz en *Problemoj de etnaj minoritatoj en Hispanio (19-71)*: kaj Rikardo Ŝulco (= Richard Schulz) en Leksara kolekto de ofte uzataj propraj nomoj (1989) sammaniere esperantigas la urbnomon kiel *Lakorunjo*. Ĝi, do, fariĝas unumorfema nomo. Mi ankoraŭ ne trovis ekzemplon, en kiu "La" estas apartigita kiel en *La-Pazo*.

**Konkludo: pravigo de la formo Lakorunjo**

La ekzisto en Esperanto de pluraj malsame asimilitaj formoj de la sama toponimo reliefigas kaosan staton en la Esperanta leksiko. Tute nepravigebla estas la rezonado de homoj kiel Rikardo Ŝulco, kiu senpripense registras plej bizarajn nomformojn kaj poste atendas, ke la uzado decidu pri la plej ĝusta formo. Male, estas necese profunde analizi ĉiujn specifajn ekzemplojn por serĉi racian solvon.

La formo *Lakorunjo* estas apogebla pro la sekvaj kialoj.

1. La difina artikolo estu konservita en la asimilita formo. Ĝi estu ligita al la dua parto de la nomo,"-korunjo", ĉar tiu ĉi ne konsistas el Esperantaj morfemoj; sekve *La* ne povas funkcii kiel la Esperanta difina artikolo. Estas, tamen, grave, ke ĝi fariĝu la unua silabo de la urbnomo en Esperanto, ĉar la malavantaĝo de esperantigitaj toponimoj kiel Korunjo *kaj* Koruno estas, ke ili diferencas de la etimo kaj tio malfaciligas serĉon de la nomo en ne-Esperantaj konsultlibroj.

2. Nur unu esperantisto ne transskribis *ñ* kiel *nj*. Ne estas iu ajn kialo eviti tion, ĉar la Esperanta alfabeto kapablas prezenti tiun fonemon proksimume per la du literoj *n* kaj *j*.

*Bernard GOLDEN*

## NEKROLOGO

Al nia Redaktejo venis la trista novaĵo pri forpaso de José M-a Carlos Boloix Romanos okazinta la 4an de Oktobro 1993. Li estis dum multaj jaroj presisto de *Boletín* kaj ankaŭ de multnombraj verkoj en Esperanto, inter kiuj "La inĝenia hidalgo Don Quijote de la Mancha", "Kun sopira koro" de Bécquer, "Filozofio de Fantomo" de W. Fdez. Florez k.a.

Ni kondolencas lian familion pro tiu dolora perdo.

*La Redakcio*

# EUROPA EKONOMIA AREO

La nuna jaro, 1993, signifas ne nur la elrealigadon de la Unika Merkato en la Eŭropa Komunumo, sed samtempe la ekmarŝo de nova koncepto, t.e. la Eŭropa Ekonomia Areo (E-EA).

Sed kio estas la EEA, rilate al la Eŭropa Komunumo?
La Eŭropa Komunumo havas eksterajn rilatojn ne nur kun nemembraj ŝtatoj, sed ankaŭ kun internaciaj organizoj. En tiu senco, kaj per decido de la konsilio en 1990, oni fiksis kadron por la realigado de spaco liganta la Eŭropan Komunumon kun la landoj apartenantaj al la Eŭropa Libera Komerca Asocio (ELKA), organizo pli konata per la anglaj sigloj EFTA. Tiu ĉi organizo naskiĝis en 1959 kiel reago al la subskribo de la Traktato de Romo kreanta la Eŭropan Komunumon, kaj por alfronti la ekonomiajn problemojn de kelkaj eŭropaj landoj ne apartenantaj al la E.K.

Kiam Danio, Britio kaj Portugalio, tiamaj membroj de la ELKA, aliĝis al la Komunumo, restis nur en la organizo la nordaj landoj, Aŭstrio kaj Svisio, kaj ekde 1973 komenciĝis la ekonomiaj rilatoj inter ambaŭ internaciaj organizoj.

La unua interministeria kunsido ELKA-EK okazis la 9an de aprilo 1984 en Luksemburgo, kaj tie oni studis la jurajn temojn alirantaj al venonta interkunlaborado.

La 20an de junio 1990, la E.K. kaj la membroj de la ELKA komencis trakti formale la realigadon de homogena Eŭropa Ekonomia Areo, sed la deziro de ambaŭ kunlabori plej forte realiĝis en 1991, kiam la reprezentantoj de la ELKA plus Liĥtenŝtejno konsentis pri definitiva teksto de la Traktato pri Eŭropa Ekonomia Areo, kiu post subskribo en Porto la 2an de majo 1992 validiĝus en 1993.

Kompreneble, tiu nova spaco kunligas 19 membrojn, t.e. la 12 de la E.K. plus la membroj de ELKA: Norvegio, Svedio, Finnlando, Islando, Aŭstrio kaj Svisio, plus Liĥtenŝtejno.

La celo de tiu EEA estas klara: koincidigi la funkciadon de tiu areo kun la realigado de la Unika Merkato, kio ebligos novan eŭropan arkitekturon, per la libera cirkulado de personoj, varoj kaj kapitaloj, libera konkurenco kaj aplikado al la nova areo de kelkaj novaj komunumaj politikoj, kiel la protektado de la medio kaj la konsumantoj, societrajto, socia politiko ktp. antaŭviditaj en la Traktato de Maastricht pri Eŭropa Unio.

Nur kelkaj temoj, kiel la agrikulturo, la fiŝkaptado aŭ la ekstera

politiko restos for de tiu nova areo, kvankam oni subskribos konkretajn traktatojn pri tiuj temoj kun la diversaj landoj.

La membroj de la ELKA, gardante sian suverenecon, ne volis kompromisi kelkaj temoj antaŭviditaj en la Traktato pri Eŭropa Unio, kiel komuna mono aŭ ekstera kaj sekureca politikoj, sed en la praktiko ili devos harmoniigi sian internan leĝaron al la komuna por eniri en la realigadon de la unika merkato.

Ne ekzistas en la mondo iu ŝtatgrupo kiu ampleksos teritorion de 19 landoj kaj pli ol 380 milionojn da loĝantoj. Tio permesos al la ELKA-landoj partopreni en ĉiu avantaĝo de la unika merkato kaj sekve esti informataj pri ĉiu propono de la Komisiono de la E.K.



La decido pri aplikado de la EEA estos adoptita per interkonsento en la sino de la miksitaj organoj antaŭvidataj en la nova traktato.

Kvankam la iniciato krei tiun eŭropan ekonomian areon povas esti konsiderata kiel efika, kelkaj problemoj aperis. Unue, ĉiu lando de la E.K. kaj de la ELKA devas ratifiki tiun novan traktaton kaj la negativa referendumo okazinta en Svisio en decembro lastjare, pro 50,3% el la popolo, starigas novan demandon.

Kvin ŝtatoj de la ELKA jam petis la aliĝon al la EK: Aŭstrio, Finnlando, Svedio, Norvegio kaj Svisio, kaj por ili aparteni al la EEA signifas partopreno en la komunaj agadoj, je paralela situacio. Aliflanke, la ŝtatoj de centra kaj orienta Eŭropo, kiuj ankaŭ deziras aliĝi al la Eŭropa Komunumo, povus fariĝi membroj de tiu nova areo antaŭ ol aliĝi al la E.K., kaj tio estus bona por ilia ekonomio, ĉar la plena aliĝo al la Komunumo estas de malproksime antaŭvidebla. Krom tio, la speciala statuso de neŭtraleco de kelkaj landoj, kiel Aŭstrio, Finnlando aŭ Svisio, kiu starigas problemojn en la E.K. laŭ la Traktato de Eŭropa Unio, ne signifas ion gravan ene de la EEA, ĉar, kiel dirite, la realigado de la ekstera politiko kaj komuna sekureco restis ekster de tiu situacio.

Tamen, estas certe ke la E.K. devas fine decidi pri la rolo de la neŭtralaj ŝtatoj en la nuna tempo kaj pri la ebleco, ke neŭtrala ŝtato restos marĝene de tiu politiko en konkreta momento, kiam militaj decidoj devos esti alprenitaj. Aŭstrio, lando, kiu estas la plej proksima al la plena aliĝo en la EK tion deziras por esti solidara en aliaj kampoj de la komuna sekureco en Eŭropo plu restante neŭtrala.

*M. R. Urueña*
*Katedra Universitata Profesorino*
*pri Internacia Juro*

# Alia agadmaniero

Pro manko de fekundaj rilatoj kun la socia ĉirkaŭo, la Esperanta Movado stagnas en Hispanio. La hodiaŭa situacio iĝis tiel danĝera, ke, se ni ne kapablas eltrovi kaj apliki taŭgan rimedon, Esperanto estos tre baldaŭ muzea peco kiu interesos ekskluzive, kaj nur de tempo al tempo, iun studemulon.

Estas tre bedaŭrinde, ke la plejmulto el ni taksas bonaj niajn renkontiĝojn kaj kongresojn nur se la responda LKK sukcesas havigi al la ĉeestantaro senpagajn amuzojn kaj bankedon. Plie, rimarkeblas ke ĉe ni:

- Abundas ideologia senkapableco ĉar mankas persona E-kulturo.
- Kvankam la aplikado de E-o en la komerca, turisma, scienca kaj aliaj terenoj estas jam konstatebla realo, sennombraj esperantistoj nek scias pri tio, nek kuraĝas agadi per kaj en nia internacia lingvo.
- Preskaŭ ĉiuj opinias, ke E-o nek utilas,nek utilos por perlabori monon.
- Tiu malkuraĝa sinteno nomita defetismo estas terura anobio, kiu ruinigas la movadon.

Oni kritikas la politikistojn, ĉar ili ne subtenas E-on kaj, samtempe, oni aprezegas la meritojn de kelkaj samideanoj elstarantaj en nia kulturo, dum ene kaj ekstere oni apenaŭ konscias tion.

Naiveco, defetismo kaj facila utopiemo karakterizas la hispanan esperantistaron. Eĉ pli: se ni ne ŝanĝiĝas radikale, la ceteruloj opinios nin stultaj.

Al novaj tempoj, novaj solvoj. En la kongreso de HEF okazonta en Malago en 1994 oni devas pristudi la nunan situacion kaj starigi konkretan agadplanon plenumendan ĝis la posta kongreso. Tiurilate ĉiuj samideanoj dezirantaj partopreni aktive turnu sin urĝe al LKK kies adreso estas: Andaluzia Esperanto-Unuiĝo, Poŝtkesto 864, 29080-MALAGA.

Estas necese, ke antaŭ la fino de 1993 ĉiu interesato konu la temojn pritraktotajn kaj la gvidantojn de la respondaj laborgrupoj. LKK akurate sciigos en *Boletín* de HEF kaj letere pri la afero.

*Andrés Martín*




**INTERNACIA KULTURA KAJ TURISMA SEMAJNO**

La Semajno disvolviĝis en Centro Borja de Sant Cugat del Vallés, de la 9a ĝis la 16a de oktobro 1993, kaj partoprenis ĝin pli ol sesdeko da aliĝintoj, krom tiuj de nia propra lando ankaŭ nederlandanoj, francoj, svisoj, italoj, poloj...

La programo estis diversa kaj bunta: tutsemajna paroliga klaso de s-ino Carla de Lorenzi per rekta metodo, prelegoj de Luis Hernández Izal pri "Hispana Esperanto-Muzeo 25-jara"; Salvador Aragay pri "78a UK en Valencio"; Giordano Moya pri "Historiaj trajtoj de la Esperantismo en Hispanio"; Luis Serrano pri "Ĉu oni povas esti feliĉa?"; kaj Martí Guerrero pri "La socia maljusteco".

Okazis du koncertoj, la unua tiu de Barcelona Gitarista Trio, el s-roj Mikaelo Rodríguez kaj Johano Rafols, kiuj interpretis komponistojn, kiuj dediĉis sin al la ĉambroformiĝo de tri gitaroj. La alia koncerto estis ankaŭ gitara, sed la ludado konsistis en tipa andaluza muziko kaj kanto. Ricard Segura vigle ludis la gitaron kaj akompanis flamenkan kantiston kaj deklamiston.

Okazis ekskurso por viziti la Muzeon de Esperanto en Sant Pau d'Ordal, kies direktoro, Luis Hernández Izal, montris la diversajn sekciojn de la Muzeo kaj ties enhavon. Post la vizito al la Muzeo, ni ekskursis al Montserrat kaj tagmanĝis, de kie ni iris al Sabadell por vidi la monumenton al d-ro Zamenhof, kie samideanoj de Sabadell kaj la estraro de KAE akceptis nin. La duontagaj aliaj ekskursoj estis al Barcelono. En la unua oni vizitis la templon "Sankta Familio" kaj la parkon "Güell", du verkojn de Gaudi, kaj en la alia ekskurso oni vizitis la katedralon, la Gotikan Kvartalon kaj la Olimpikan Cirkviton.

Lundon posttagmeze, la partoprenantoj en la vizito al Sant Cugat disiĝis en du grupojn. La unua vizitis la Monaĥejon kaj la alia la Arkivon Gavin en Valldoreix. S-ro Gavin, la direktoro, montris detale la diversajn fakojn de la Arkivo kaj klarigis al ni la originalan metodon pri arkivado kaj la imponan kolekton de gravuraĵoj pri Sankta Jozefo kun la infano Jesuo.

Notinda estis la oficiala malfermo de la Semajno fare de la Konsilanto pri Kulturo de Sant Cugat, kiu, post la malfermo restis tie por

aŭskulti la prelego-deklamadon "Sur la spuroj de Federico García Lorca fare de Miguel Fernández Martín, kiu entuziasmigis la ĉeestantaron.

Grava okazaĵo estis la prezentado de la "Poemo de Utnoa" far la aŭtoro Abel Montagut, kun enkonduko kaj recitado de la Esperanto-poeto M. Fernández.

La vetero estis bona kaj ankaŭ la esperantista etoso dum la tuta kultura kaj turisma semajno. En "Nou Diari", "Diario de Terrassa" kaj "Diari de Sabadell" aperis raportoj pri tiu Internacia Semajno, same kiel en "Radio Sant Cugat", kiu elsendis intervjuon al la organizantoj de la Semajno, kaj kelkajn tagojn poste, "Radio Barcelona", ankaŭ komentis saman temon pri Esperanto.

La Semajno plene sukcesis!

*Giordano Moya*

## AVENTUROJ DE HISPANO EN KATALUNUJO

Antaŭ la Universala Kongreso en Valencio okazis en Barcelono, de la 18a ĝis la 21a de julio, la 12a Internacia Literatura Forumo (IL-F), kune organizita de Literatura Foiro (LF) kaj Kataluna Esperanto-Asocio (KEA). La temo de la forumo teorie estis *Literatura kritiko en esperanto*. Tamen, pro la ĉeesto inter la prelegantoj de pluraj elstaraj iberaj aktivuloj (Miguel Fernández, Abel Montagut, Gonçalo Neves kaj Antonio Valén), la forumanoj plej ofte spertis diskutojn pri la diversaj sintenoj de la nunaj aŭtoroj al esperanto kiel lingvo por beletro. Fakte la aŭtornomo plej menciata (kaj laŭdata) estis tiu de Fernando de Diego (ne povus ne esti tiel...). Kvankam LF ege klopodis por malebligi mian partoprenon, trude forigante min el la komenca program-plano, fine KEA mem invitis min al la ILF pagante miajn aliĝon kaj restadon, sen ke mi devu (bonŝance!) mem prelegi. Jen do mia unua aventuro en Katalunujo.

Por kompensi la ILF-LFan bojkoton, KEA invitis min feste prelegi kadre de la ceremonio de la 33aj Internaciaj Floraj Ludoj (IFL) en la 26a Kataluna Kongreso de Esperanto, en Alkudio (Majorko), de la 4a ĝis la 7a de decembro, 1993. Jen la tria aventuro.

Kaj la dua? Nu, de la 30a de oktobro ĝis la 1a de novembro okazis proksime al la vilaĝo Sant Celoni (Sankta Celedonio) la 3a diskut-kunveno de Kataluna Esperanto-Junularo (KEJ), kun la temo *Sekso kaj esperanto*. Prelegis Hèctor Alòs (*Tabuaj vortoj en esperanto*), Antonio Valén (*Originala erotik-tema literaturo*), Helmut Brath (*Aidoso* kaj *Samseksamo*), mi mem (*La pornografia arto*), Abel Montagut (*La amkantoj de Ausias March*) kaj, ne tre kompreneble, Marco Esteban (*La*

*genetika bazo de seksa konduto*). Menciindas ankaŭ la interkonaj ludoj, la frandindaj manĝoj (fojon afrodizie!), la projekciado de ĵurase pornaj prafilmoj kaj la bonega etoso (ĉefe en la glutejo prizorgita de Felip Artero).

Gepartoprenis, krom hordo da junaj katalunoj, kvin valencianoj, du galegoj, du segovianoj, du madridanoj, unu aŭstro kaj unu soriano. Bedaŭrinde ne venis andaluzoj, eŭskoj, francoj, zaragozanoj, portugaloj ktp. Sed entute ja pli ol 30 personoj! Mi esperas, ke tiun ĉi 3an diskut-kunvenon baldaŭ sekvos pliaj. Oni jam planis la temojn *Drogoj* kaj *Rokmuziko*. Interese, ĉu ne? Prefere ne maltrafu!

*Georgo Kamaĉo*

---



## Recenzoj

**Nuevo método de esperanto para clases y aŭtodidactas**
Fernando de Diego,(2a eldono), 1992, Venaria (Torino), 214 p.

Mi varme salutas la duan eldonon de la plej bona esperanto-lernilo por hispanlingvanoj depost ĝia publikigo en 1982. Jam de pluraj jaroj mi konstatas, ke homoj, kiuj sukcesas enkapigi —kaj alproprigi— la enhavon de *Nuevo método de esperanto* iĝas preskaŭ aŭtomate bonaj parolantoj. Apenaŭ eblus diri same pri aliaj lernolibroj en la hispana, kiuj ne ĉiam montriĝas taŭgaj gvidiloj por niaj komencantoj. Nuntempe ni disponas ĉirkaŭ 15 lernolibrojn en la hispana (se oni alkalkulas la perkorespondajn kursojn), kaj la sola vere rekomendinda el ili, krom *Nuevo método de esperanto,* estas la eksmodeta *Sabe Vd esperanto* de la argentinano Jorge Hess. Tiu ĉi verko ŝajnas unuaŝtupa kaj tro simpla kompare kun la duaŝtupa kaj plena instru-libro de F. de Diego.

Escepte de la supermezure kosta *Esperanto: un mundo, una lengua*, de J.L.Santos Morales, ĉiuj aliaj lernolibroj por hispanlingvanoj suferas fortajn mankojn. Mi pravigu tiun opinion: kelkaj simple estas krude malbonaj, ĉar ilin verkis malrespondecaj nekompetentuloj ŝatantaj gramatikumadi; aliaj eksmodiĝis, ĉar ili aliras gramatikon de teorioj pasint-jarcentaj; triaj pli-malpli bone elturniĝas, ĝis ili pritraktas la malfacilaĵojn de esperanto por la parolantoj de la hispana, t.e., utiligo kaj utileco de la akuzativo, vortkunmetado, prepozicioj kaj prononco de la esperantaj konsonantoj.

Tre feliĉe, la libro de F.de Diego kompensas la paŭperecon en la hispana panoramo de esperanto-lerniloj. Tiu verko aliras senkomplekse gramatikon kaj regule donas helajn klarigojn pri ties tiklaj kaj maltiklaj eroj (vd. la recenzo-finan indekson). Krome, aldoniĝas proverboj kaj sukaj fiksaj esprimoj, interpunkcio en esperanto, listo de "falsaj amikoj", elementoj de esperanta metriko (kun bonegaj ekzemploj), rekomendita literaturo por plua studado kaj informoj pri Esperantujo (kongresoj, delegitoj, historio, literaturo kaj organizaĵoj en la mondo kaj en hispanlingvio). Fine de la libro aperas ekzercar-ŝlosilo utilega por memlernantoj.

Ĉu io malbona sidas meze de tiom da bonaĵoj? Nu, jes: la titolo, *Nuevo método de esperanto*, estas misgvida pro du kialoj. Unue, tiu verko ja ne estas lernolibro: temas fakte pri elstara *gramatiko* de esperanto adaptita al la bezonoj de la hispanlingva publiko. Due, ĝi ne celas verajn komencantojn, sed progresintojn kun ioma scipovo de esperanto, kaj nur eventuale memlernantojn kun tre-tre forta volo lerni. Tiu karaktero tamen havas avantaĝojn: la libro eminente kapablas respondi detale kaj plene la plej harfendajn gramatikajn demandojn de entuziasma progresinto.

Pli: la dek dialogoj, kiuj garnas la libron (*El esperanto en diez diálogos*) fakte superfluas. Mi konas plurajn homojn, kiuj lernis esperanton per tiu ĉi libro kaj, laŭ mia scio, mi estas la sola, kiu legis la dialogojn; ja ĉiuj aliaj prifajfis ilin, eble prave.

Ankoraŭ lasta afero, fakte la sola vere kritikinda en *Nuevo método de esperanto*: La aŭtoro nur supraĵe pritraktas la plej komplikan esperantan gramatikaĵon por hispanlingvanoj, nome, la vortkunmetadon. Oni vere devus pliampleksigi tiun ĉapitron por la tria eldono. Tiu makuleto tamen ne demetas eĉ gramon da valoro de tiu ĉi juvelo.

Resume: *Nuevo método de esperanto* estas larĝe la plej bona esperanto-lernolibro en la hispana, kaj ĝi montriĝas en la praktiko paŝo preskaŭ deviga por ĉiu hispanlingvano deziranta funde lerni la internacian.

*Antonio Valén*



# 53a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

MÁLAGA, 16a—21a DE JULIO 1994

# ALIĜILO N-RO......

(BONVOLU SKRIBI TAJPE AŬ PRESLITERE)

Familiaj nomoj ..................................
Antaŭnomo, s-ro/s-ino/f-ino (1) ...............
Aĝo (2) .............. Profesio (2) ...............
Adreso ..........................................
Urbo ............. Poŝtkodo .... Provinco (3) .........

Mi aliĝas al la 53a Hispana Kongreso de Esperanto kaj sendas per poŝtmandato, ĉeko aŭ banko la jenan sumon:

| | | |
|---|---|---|
| Kiel kongreskotizon en kategorio | | ptojn |
| Kiel kongresdonacon | ______________ | ptojn |
| ENTUTE: | | ptojn |

Plenigu apartan aliĝilon por ĉiu familiano samtempe aliĝanta
(1) Forstreku la nevalidan
(2) Nur por statistiko
(3) Eksterlandanoj menciu la landon
Por uzo de la administracio:

| Pago ricevita | Konfirmilo sendita | Loĝejo mendita |
|---|---|---|

# KONGRESKOTIZOJ

| ĜIS: | 31-1-94 | 31-3-94 | 30-6-94 |
|---|---|---|---|
| 1. Kongresano | 3.500 | 3.700 | 4.000 |
| 2. Kongresano (membro de HEF) | 3.000 | 3.500 | 3.700 |
| 3. Kunul(in)o (f) de kongresano | 2.000 | 2.300 | 2.500 |
| 4. Membro de HEJS (ĝis 30 j.) | 1.500 | 1.700 | 2.000 |
| 7. Eksterlandanoj | 3.500 | 3.700 | 4.000 |

Membro de HEF—HEJS n-ro:.......

Rimarkoj:

a) Plenigu la aliĝilon kaj sendu ĝin al Andaluzia Esperanto Unuiĝo. (KONGRESO). Poŝtkesto 864, E-29080-Málaga. Hispanio.

b) Sendu la kotizon al "Asociación Andaluza de Esperanto", Konto n-ro 17.160.710 de *Caja Postal de Ahorros*. Nepre skribu la vorton *Kongreso* apud la familia nomo de la kotizanto.

c) La kotizo ne estas repagebla, eĉ se la aliĝinto ne partoprenas en la kongreso.

d) La aliĝilon oni pritraktos nur post la ricevo de la koncerna pago.

e) La rabatitaj kotizoj (2) kaj (4) validos nur se la kongresano efektive pagis la kurantajn kotizojn de HEF aŭ HEJS.

f) Kunul(in)o= homo loĝanta kun aliĝinto.

